# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 06/12/2018 Kvarcenttria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart.* *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * *Google Translate* * *Pasintaj AE eldonoj* * *Duolingo* * duolingo all courses * *lingvohelpilo* * *PMEGramatiko* * *Esperanta Retradio* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 760,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **366,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **309,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **85,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 45 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)







Suplementoj ne povas esti Kernvortoj; ili povas esti nur suplementoj ĉe kernvortoj. Jen ekzemploj, en kiuj NENIU suplementa verbo povas esti kernvorto:

**1)**. “Lia DEZIRO f o r i r i estas stranga”. **2).** Ni ŝatas ŝian PROMESON r e v e n i iam. **3).** Ni ELEKTIS ŜIN e s t i nia prezidantino. **4).** Mi restis tie por PENI s a v i la domon. **5).** La TIALO, kial r e s t i en la brulanta domo, ne estas klara. **6).** Lia DEZIRO k e n i h e l p u ŝ i n estas laŭdinda.




Sed ĉeestas unu kazo, kie la tuta frazo estas kernvorto, kaj devas nomati Kernfrazo. Gi okazas nur en la Subjekto kaj en la Objekto, kaj tre malofte kaj ne de ĉiu akceptate, en la Adjekto. En tia kazo la verbo en la frazo estas nur parto de la frazo: “KE LI RETROVENOS estas certa”, kaj “Mi ne scias, ĈU ŜI RETROVENOS.” *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Marcelo, nun estas 101 aĝa



Baldaŭ necesos ke mi konfesu ke mi ne plu estas juna kaj bela. Nun mi estas nur bela, eble ne plu belega, sed tamen, ĉu ne?

Pasintan semajnon mi estis devigita konfesi ke mi hontas, eĉ terure.

Nun, hodiaŭ venis en mian kapon la fakto, ke mia plej bona lerniganto, nia Melburna geniulo, Marcelo, festis la 101an datrevenon de sia naskiĝo en Nederlando la 4-an de Decembro. Ĉu eble nun mi povas fariĝi unu el la unuaj, kiuj gratulas lin pro tiu lia alta aĝo. Li estas eĉ iomete pli aĝa ol mi kaj li ankoraŭ estas belulo, eĉ belegulo, ĉu ne?



Do tre kara Marcelo, multajn elkorajn gratulojn el la plej profunda profundaĵo de mia koro. Mi deziras por vi ankoraŭ multajn feliĉigajn jarojn sur tiu ĉi planedo, vi estas unu el la plej bonaj homoj ĉi tie. Do, multajn bondezirojn, vi meritas ilin. Kaj dankojn pro via amikeco!

Plej amike, *Bob Felby*





Eŭropo Demokratio Esperanto

# ĈU NI SUBTENU POLITIKAJN PARTIOJN ?

En Eŭropo ekzistas en kelkaj landoj politikcelaj asocioj kun la nomo " Eŭropo Demokratio Esperanto " (E.D.E.)

Ĝia ĉefa interna celo estas paroli pri Esperanto en politika kunteksto de Eŭropaj balotoj.

Ĝia ekstera celo estas esprimita per la 3 vortoj de ĝia nomo.

La franca EDE-sekcio partoprenis en la EU-balotoj en 2004, 2009 kaj 2014 kaj akiris po ĉirkaŭ 30 mil voĉoj.



La germana EDE sukcesis partopreni nur en 2009, tiam akiris 12 mil voĉojn.

Vidu pli en ĝia retejo: e-d-e.org

Kore *Bert Schumann*



# POLVOŜTORMOJ





Mi profunde sentas kun tiuj el vi kiuj antaŭ nelonge suferis polvo-stormegon, ĉar ankaŭ mi konas tiun malagrablaĵon. Mi plenaĝiĝis dum la kvar-kaj kvindekoj de la lasta jarcento en *Boulder* kiu situas sur la okcident-aŭstraliaj Orkampoj.

Tiutempe troviĝis nur kelkaj tre magraj arboj ĉirkau la regiono Coolgardie-Kalgoorlie-Boulder, ĉar la pli grandaj jam delonge estis dehakitaj (precipe de enmigrantoj el Eŭropo) kaj utiligitaj kiel subteraj apogaĵoj en la orminejoj kaj brulaĵo por motoroj en la minejoj kaj en lokomotivoj.

Do, kiam ventegoj estiĝis ili eroziis kaj balais antaŭ si neimageblajn kvantojn da ruĝa polvo; tiuj grandegaj, altegaj amasoj ruliĝis rapidege trans la kamparo al la urboj, efektive gigantaj kovriloj super ĉio en siaj vojoj.

Mi ofte vidis mian kompatindan patrinon plori larmojn de frustro, ĉar tiuj polvo-ŝtormoj venis neatendite, ofte kiam la ĵus lavitaj tolaĵoj estis sekiĝantaj sur la vestodratoj en la "freŝa" aero. Aliaj okazoj estis post kiam ŝi purigis kaj vaksis la lignajn kaj linoleumajn plankojn (tapiŝojn ni ne posedis). Tiu fajna ruĝa polvo eniris kien ajn ĝi povis, tra ĉiu eta spaco havebla. Kaj, se oni sin trovis subĉiele, la polvo-pecoj gratis la haŭton kaj malpurigis la vestojn kaj la hararon. Aĉ! Do, mi empatias (jes, neologismo - sed ĝi trafas) kun la suferantoj.

*Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Dum la lasta semajno ankaŭ Helen kaj mi gastigis Martina el Germanio en la"sovaĝejo" de la APY-Landoj, en la nordo de Sudaŭstralio.**



Kompreneble, ni intencis havi bonan tempon kun ŝi, havi aventurojn kun ŝi, montri al ŝi lokojn kaj homojn, kiujn ŝi kutime ne renkontas, prezenti Esperanton al aliaj.... kaj eĉ iomete ŝoki ŝin.

Ni pensas, ke ni pli-malpli sukcesis.







Ni kune estis dum tuta tago en la loka lernejo, ni tendumis kun kelkaj maljunaj Indiĝenaj virinoj, vizitis Mintabie, opalmineja urbeto, kaj kompreneble esperantumis.

Refoje, sen renkonti Martina dum la UK en Lisbono.....

... Do, ni volas danki vin sinjoro Ludoviko.



*Sandor Horvath*



# Vizitu la Afrikan Centron Mondcivitanan (ACM) en Benino!




Kiam ACM fondiĝis, ĝi tuj aliĝis al la Pasporta Servo por bonvenigi vizitantojn el esperantujo. Ni ĝojus gastigi la interesitojn, kiuj vizitos kaj amuziĝos kun la geinfanoj en nia domo kie eblas servi al vi rizon, fazeolojn, ignamon, paston kun saŭco,...ktp. Sed se la gastoj ne dezirus tion, ili povus manĝi en hotelo 300km for de nia domo.

Ni kapablas sendi al vi por via vizito la necesan oficialan invitleteron por akiri la vizon.

Ni konsilas vin vakcinadi kontraŭ la flava febro.




Ni estos je via dispono por vizitigi al vi la belajn turismajn lokojn en Benino, kiel Ouidah (estas urbo kie oni vendis kaj transportis la sklavojn. Tie videblas la serpentejo, la portugala muzeo dum la sklava periodo), Abomey estas la reĝurbo. Tie videblas la muzeo kiu estis konstruita per la sango de sklavoj. Videblas ankaŭ vestaĵoj de reĝoj kaj Ganvié, akvourbo, ties merkato kaj aliaj vidindaĵoj sur la akvo. La eksterafrikaj afrikanoj povas uzi la modernan necesejon kaj duŝejon, kiuj estas en stato atendebla en bonaj turismaj hoteloj.



*François Hounsounou* :hounfranc1@yahoo.com

BP 226 Lokossa-Mono, Rép. du Bénin, *West Africa*, Tél: +229 95 96 51 24 Skype: esperantoawc



# Malamikoj en mia ĝardeno

## LA PROBLEMO DE LA PREPOZICIO "DE" .



Malgraŭ tio kion diras kelkaj tre famaj kaj tre spertaj verkistoj kaj Esperantologoj, nome ke miaj tezoj pri la gramatiko de Esperanto estas nevaloraj ĉar nur "personaj idiosinkraziaĵoj" kreitaj de mi mem, ankaŭ miaj inventoj por solvi la problemon de la kvarsignifa "de" sekvas pli ol centjaran interdiskutadon inter la plej gravaj Esperantologoj, inkluzive de Zamenhof. Por doni al miaj legantoj iom pri tiu historio, mi sekve elĉerpas kelkajn




faktojn menciitajn en paragrafoj 135-138 de “Plena Analiza Gramatiko de Esperanto”ate de Waringhien kaj Kalocsay.

La plej multaj proponoj, inter kiuj mia, por solvi la problemon ke “de” uzatas en kvar tute malsamaj signifoj, ja kopiitaj ate de Zamenhof el la eŭropaj lingvoj, estas krei kaj uzi alternativojn uzendajn nur se necesas, do ĉe ebla miskompreno. Ekzemple en “La patro de mia amiko retrovenis de Sidneo” miskompreno ne eblas, do oni ne uzu la alternativojn, dum “La murdo de la krimulo de la policano” bezonas almenaŭ unu alternativon. Sed kelkfoje la proponintoj konsilas, ĉiam uzi iliajn alternativojn.

La plej multaj miskomprenebloj okazas, kiam la radiko de la substantivo kiu estas la determinato de “de”-prepozitiva suplemento, estas verbo, ekz. murdo, reveno, kaj forsendo. Se tia verbo estas transitiva la suplemento povas esti AŬ la subjekto AŬ la objekto de la ago esprimita en la substantivo determinata. Ekz. “La murdo de la krimulo de la policano”. Ĉar ambaŭ havas la prepozicion “de”, ne eblas scii kiu el la du estas la objekto, la suferanto, aŭ la subjekto, la aganto. Do AŬ la policano murdis la krimulon AŬ la krimulo murdis la policanon. Por solvi tiun problemon, oni bezonas almenaŭ unu alternativon por “de”. Multaj penis trovi tian alternativon.

Zamenhof estis la unua kiu kreis almenaŭ unu alternativon neoficialan, kiun li uzis sian tutan vivon. Li proponis uzi la akuzativon por la objekta suplemento, kiel en “La manĝado la raton de la kato”. Sed ĉar tia uzo de la akuzativo estas tute ne-Esperanteca ĉar nenie en la lingvo trovebla, la Esperantistaro ne akceptis lian proponon. Aliaj simple kreis por la objekta “de” alian prepozicion, sed ĉar ĉiuj el tiuj estis neologismoj, oni neniam akceptis ilin. Nek la proponon de P.A.G., kiu estis uzi por la objekta suplemento “de” kun la akuzativo: “La manĝo de la kato de la raton”. Krome pluraj Esperantologoj proponis uzi alian jam ekzistantan prepozicion por unu el la du “de”, la objekta kaj la subjekta. P.A.G. kreis tutan paragrafon 136 por doni multajn ekzemplojn. PAG mem ankaŭ havas proponojn, kaj diras ke ofte ili estas utilaj kaj ofte oni ne povas fidi ilin. Fakte ĝi kreis tutan par.on 137 por doni ekzemplojn de la nefidebleco de la proponoj en par. 136, kiujn ĝi ofte laŭdas. Post tio PAG mencias la “solvojn” kreantajn alternativojn por la subjekta “de”. Ĝi mencias la malsukcesintajn proponojn “par, da, baj” k.t.p., kaj laŭdas la monstraĵon “fare de” de Grosjean-Maŭpin. Tiuj tute kontraŭregulaj “fare de” kaj “far’de” kaj “far” trovis multajn adeptojn inter la politike maldekstraj anoj de S.A.T., kies kreinto Lanti jam kreis la alian gramatikan monstraĵon, la sufikson “-i-“. Ĉar tiutempe ankoraŭ ne ekzistis alia, ĝusta, solvo, PAG deklaras la problemon solvita per la akcepto de “fare de” kaj de la uzo de aliaj prepozicioj, kiu uzo postulas scii la kazojn kie oni ne povas uzi ilin.

Post la mortoj de Waringhien kaj Kalocsaj mi inventis la tre simplan solvon, ĉiam aplikeblan, kaj uzendan nur ĉe neceso. Ili estas “ate de” por la subjekta suplemento (La murdo ATE DE (angle”*by*”) la policano” kaj “La murdo ANTE AL (angle “*done to*”) la policano” por la objekta suplemento. Mi povis inventi tion nur, ĉar mi malkovris obskuran regulon de Zamenhof, ĉe kio ni rajtas redukti al unu la du signiferojn de kelkaj finaĵoj kaj afiksoj (ekz. “falanto” estas nur persono, ne aĵo).

P.A.G. forgesis mencii, aŭ ne menciis en la ĝusta loko, similan dusencecon ĉe suplementa uzo de “de” en la signifo de “for de” (angle “*from*”) ĉe substantivoj kun verba radiko: “ La

foriro de mia patro" povas signifi "La foriro for de mia patro" kaj "La foriro de mia patro" kie mia patro foriras (do subjekta "de"). Mia supre menciita invento solvas ankaŭ tion, nome per "ate de" por la subjekta: "La foriro ate de (angle "*by*") mia patro" kaj "La foriro el de mia patro", "*away from my father*," kie "el de" signifas "for el la posedo aŭ el la ĉeesto de".

Se Waringhien kaj Kalocsay nur estus vivantaj nun!

*Marcel Leereveld*.

## ĈU NI FARIĜOS, AŬ PLI VERŜAJNE: FARATOS, ROBOTOJ AŬ SKLAVOJ ?

En la gazetaro ni timigatas, ke robotoj regos nin, anstataŭ renverse. En mia ĵurnalo de 18 Novembro (The Age p. sl.13-14) mi legis, ke ni nun povas aĉeti aparaton per kiu ni povas, per vibrigado malproksimen, kaŭzi orgasmojn ĉe nia sekspartnero (angle: "*partner*"), eĉ kontraŭ ŝia-lia volo. Mi antaŭvidas ke baldaŭ oni havos tiajn aparatojn por uzi sur iun ajn, eĉ vin aŭ min. La mirinda nova teĥniko ja tre kapablas. Aliflanke la registaro jam reguligis miajn seksdezirojn antaŭ okdek jaroj en la nederlanda armeo. Ili ja metis ekstrakton de la folioj de la ĉina kamforoarbo en la manĝaĵon, kutime en la panon, de la nederlandaj soldatoj por forigi iliajn seksdezirojn. Kiam mi estis soldato, mi ankoraŭ ne sciis tion kaj, per subaĉetado povante hejmiri ĉiun semajnfinon, mi kunportis plurajn kazernajn panojn por miaj gepatroj, kiuj ja estis malriĉaj. (Mi ricevis la ses panojn de soldato en mia ĉambro kiu neniam manĝis la panon pro la kamforo en ĝi. Li sciis ĉar li laboris en la kazernaj kuirejo kaj bakejo sed diris al mi la sekreton nur ĉe la fino de la soldatservo). Kaj la aŭstraliaj registaro kaj polico certe scias pri ni multe pli ol ni pensas (mi rimarkis tion ĉe la enmigrado) kaj povas agi sur nin kiel ajn ĝi deziras. Krome jam antaŭ jarcentoj la katolika eklezio kaj aliaj jam intervenis en nian sekson, farante nin eŭnukoj. Kaj ĉu ni ne plu kastras niajn animalojn, eĉ la tre amatajn, sen peti ilian permeson? Mi do antaŭvidas ke niaj registaroj, kaj precipe iliaj policoj, lernos kiel scii ĉion pri ni kaj kiel, per fora direktado (*remote control*), igi nin fari aŭ nefari certajn agojn. Ili jam kapablas efekte fari tion per menspoluciado (= *brainwashing*; notu la anglan misnomon!).

Cetere mi kolektas anglajn vortojn al kiuj la angloparolantoj donas la kontraŭan signifon (ĉu por mistifiki la rusojn kaj la ĉinojn?). Ekzemple "*unisex barber*", hartondisto por unu sekso. Se vi scias tiajn vortojn, bonestu doni ilin al mi, aŭ publikigu en A.E., por helpi la rusojn kaj la ĉinojn kaj la kontinenteŭropanojn. Kaj multajn aliajn. Mia listo jam havas kvin da ili. Kompreneble en vortaro de centmil vortoj tio estas etaĵo negrava, kaj ni do pardonas la angloparolantojn. Iliaj kompatindaj infanoj ja jam devas lerni en sia vivo trifoje pli da vortoj ol bezonas lerni la bonŝancaj infanoj de la aliaj popoloj. Kaj nun ke ĉiuj eŭropuniaj infanoj devas centprocente lerni la anglan lingvon, ĉiuj tiuj infanoj estas kompatindaj. Kaj se en Eŭropo vi ne estas tre kapabla lerni lingvojn kaj gramatikojn, vi maltrafos la bone pagatajn oficojn en via eŭropunia lando, se vi ne estas iro aŭ anglo aŭ kimro aŭ skoto, kiuj ja ne bezonas lerni tre malfacilan duan lingvon. Cetere ni ĉiuj, se ni ne akceptos Esperanton, devos lerni la same malfacilan kaj eĉ pli signifonebulan lingvon ĉinan. Aliflanke, per lernado de fremdaj lingvoj ni grave prokrastas nian alĉhejmron. Se la najbaraj vibriloj intertempe ne estos nin frenezigintaj. Intertempe: dormu bone! Kaj se vi bezonas kamforofoliojn: mi havas en mia ĝardeno unu tian arbon ("Laŭrus (Cinnamomum) camphora").



*Marcel Leereveld*.

## KONSILO AL TIUJ, KIUJ FACILE FORGESAS UZI LA –N .




Depende de sia etna lingvo, Esperantistoj forgesas pensi pri la akuzativo. Plej multe la angloj, ĉar kiam ĝia frazparto ne venas tuj post la verbo, ili forgesas. Malpli la francoj, ĉar ilia vortordo estas pli rigida. Kaj tute ne la germanoj, ĉar en sia lingvo ili ĉiam devas senti la gramatikan Objekton.

Mi konsilas al angloparolantoj regule anstataŭigi senprepozician frazparton per la angla "*him* aŭ *he*", aŭ "*her* aŭ *she*". Se la anstataŭaĵo estas "*he*" aŭ "*she*", ne uzu la –n, kaj se la anstataŭaĵo estas "*him*" aŭ "*her*", uzu la –n-akuzativon. Se vi alkutimiĝas al fari tion, vi faros malpli da eraroj. Se tamen la frazparto havas aŭ povas havi prepozicion, vi devas ekzameni ĉu la –n bezoniĝas pro AŬ forlaso de "al" AŬ forlaso de iu ajn prepozicio, ekz. "Ni iras RomoN" bezonas la –n ĉar eblas "Ni iras al Romo" kaj "Ni venos baldaŭaN LundoN" ĉar tio signifas "Je baldaŭa Lundo".

Jen ekzemploj de senprepozicia frazparto:

**1**). "Mi demandas, kiu strato tio estas": *I ask "that is he", not "that is him"*.

**2**). "Ĉu ci scias, kiuN mi vizitos?": because "*I visit HIM, not I visit HE*".

**3**). "Mi scias, KIU loĝas tie" ĉar oni diras "*HE lives there*", ne "*HIM lives there*".

**4**). "Ŝi rigardas la fotoN", ĉar oni *"regards HIM, one does not regard HE"*,

**5**). "TiuN proponoN mi ne ŝatas", ĉar "*I like HIM, NOT "I like HE*".

**6**). "Mi demandos, kiuN vojoN ni prenu", ĉar oni diras "*We take HER", not "We take SHE*".

**7**). "Ĝi okazos LundoN", ĉar "*It happens to HER,*", NE "*to SHE*".

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 1a de decembro estis la unua sabato. Venis al la Manlia grupo nur tri. Roger, John kaj Eunice *Roger Springer*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




Turka Stelo 12/18

Malnovaj numeroj troviĝas en nia retpaĝo sub menuo "Dergi/Revueto". La lasta numero estas rekte legebla en la reto.

*Vasil Kadifeli*






Saluton, mi estas Kroko



# Lastaj tagoj en Australio



Karaj geamikoj esperantaj,
mi bone kaj sane atingis post trimonata vojaĝo mian hejmon. Estas nebula tago ĉi-tie, do mi sidas en varma domo meditanta super miaj spertoj, la ekstera temperaturo de 5/6° gradoj ne estas alloga por promeni.




La lastajn 2 tagojn mi gastiĝis en Perto ĉe Shayne – Johano. Esperante, kaj trankvile mi povis pripari mian hejmvojaĝon.



Mi timas hundojn, sed la granda hundo de li instruis min ke mi ne devas ĉiam timi hundojn.

Dum promeno kaj en la Hillarys haveno per bongusta tagmanĝo mi adiaŭis tiun belan landon.

De tie oni povas viziti boate (prunteprenante biciklon eĉ) la faman insuleton "*Rottnest*". Tuttaga ekskurso al la *Pinnacles* dezerto indas kiam vi vizitos Perton dum pluraj tagoj aŭ iru norden al Geraldton, Kalbarri, Shark Bay aŭ Broome. Nepre vizitu la Kings Parkon en Perto, de tie oni havas superrigardon de la urbo, promenas tra florparadizo kaj memormonumentoj dum tuta tago. Estas vizitinda urbo kaj regiono.



Ĝis revido Aŭstralio, ĝis revido geesperantistoj iam ie nepre en iu kongreso, anoncu bonvolu kie ni povas renkontiĝi. *Martina Sachs-Bockelmann*







Ne krokodilu






★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 20 La lastan fojon en Skandinavio Kvara ero



Kaj vere, subite venis alia vagonaro, kiu kunprenis kaj ellasis min, ne en Skovlunde, sed en la stacio tuj antaŭ ĝi. Mi elkalkulis, ke de tie la promenado kun valizo ne estos tiom longa. Mi eliris, iris malsupren laŭ ŝtuparo, kvankam estas lifto tie. Mi ekiris direkte al la luloĝejo de Arne kaj Gerda. Ĉio estis tre bona, escepte pro la fakto, ke mi laŭiris la malĝustan vojon. Subite mi vidis la stacidomon "Skovlunde". Mi do estis irinta tro malproksimen. Sed de tie mi trovis la ĝustan vojon, kaj reiris. Post tiom da fizika ekzercado mi fine vidis n-ron 89, kaj mi eniris tra la pordo. Mi sonorigis, sed neniu venis kaj malfermis la pordon. "Nu, kion faras saĝulo ?" pensis mi. "Ĉu mi lasu la valizon ekster ilia pordo, kaj iru trinki kafon en Skovlunde ?" Ĝuste tiam eniris la konstruaĵon Arne kaj Gerda. Mi do trinkis kafon kun ili en ilia ĝardeno, multe pli bona ideo.

Estis tiom multe pli bone loĝi ĉe ili. Ni konas unu la aliajn ekde kiam mi komencis esti noktogardisto en Kopenhago. Arne ankoraŭ estas noktogardisto. Li sukcesis trovi laboron ĉe iu malpli granda firmao, kaj nun ankaŭ li perlaboras sufiĉe por ĝui la vivon.

Iam estis tre malfacile trovi laboron en Kopenhago, tio estis antaŭ ol ni fariĝis noktogardistoj. Arne kaj Gerda transloĝiĝis al Svedujo, kie Arne laboris en ŝipkonstruejo en Gotenburgo. Ilia unua filo naskiĝis en Gotenburgo. Li estas do duonsvedo. Ankaŭ mia patrino estis duonsvedo, mi estas nur kvaronsvedo. Sed kvarona svedo estas pli bona ol neniu svedo, ĉu ne ? Ilia unua luloĝejo en Gotenburgo estis en tiu sama strato, en kiu mia hotelo estas. Gerda lernis perfekte la svedan lingvon, Arne ankoraŭ ne. Mi supozas ke mi ĝin pli bone parolas ol li !

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** Ĉu vi intencas aĉeti librojn okaze de Kristnasko aŭ de la longa somera ferio por viaj infanoj, genepoj, genevoj ktp? En la elsendo de la 3a de decembro 2018, Paz, el Koreŭjo, kadre de intervjuo ,priskribas kia devas esti libro taŭga por **eduki** infanojn , ne **dresi** ilin. *Franciska Toubale*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Melburno





Melburnaj Esperantistoj hodiaŭ kune vespermanĝis por honori Ken Rolls pro lia longdaŭra membreco kaj helpemo ĉe nia klubo. Li ĉiam klopodis klarigi gramatikon al novaj membroj kun bonhumoro kaj pacienco.



Ni ankaŭ festis la 101an datrevenon de la naskiĝtago de Marcel.

*Heather Heldzingen*










# AEA Informas





Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

# Raporto de AEA

## Estrar-kunveno 29-nov-2018, per Skype

Partoprenis: Indrani Beharry-Lall, Jonathan Cooper, Heather Heldzingen, Sandor Horvath, Terry Manley, Esther Parris

### Esperanto en Okcidenta Aŭstralio

Shayne Power, vic-prezidanto de Esperanto-Ligo de Okcidenta Aŭstralio, aliĝis al la unua parto de la kunveno, kaj raportis jene:

Estas 20 membroj en la E-Ligo de Okcidenta Aŭstralio. Inter 6 kaj 7 kunvenas ĉiumonate en la domo de unu el la membroj.

Shayne organizas kunvenojn por grupo ekster la Ligo. Ili estas pli junaj anoj, kiuj kontaktis lin per la reto. Kunvenoj estas neregulaj en kafejo.

Heather Long el Okcidenta Aŭstralio partoprenis en la unua 3-landa kongreso. Alie, anoj ne partoprenis dum jaroj, krom Trish O´Connor.

Estas neverŝajne, ke kongreso okazos en O-A en la tuja estonteco.

La Ligo festos Zamenhof-tagon.

Shayne deziras partopreni la UK-on en Montrealo en 2020 (kaj ankaŭ Jonathan).

Shayne konsentis raporti ĉiun monaton aŭ duan monaton al nia kunveno. Sandor proponis inviti anon de iu ŝtato por la komenco de kunveno, por scii kio okazas en tiu ŝtato kaj havi ties kontribuon. Li provos inviti kvinslandanon al estonta skajpa kunveno.

### Kongreso kaj Somerkursaro

La programo pleniĝas kaj aranĝoj finpretiĝas.

Do nepre aliĝu se vi ne jam faris kaj venu. Aliĝilo troviĝas en novaĵletero AE402 aŭ en la retejo, ĉe aea.esperanto.org.au/kongreso

*Terry Manley*

